22a Jaro - No 12 (238) Jara Kotiz-Abono Fr. 30.— Decembro 1936

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

Oficiala Organo de



REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Societo sen profita celo. — Belga ŝtatgazeto 27.6.36.

DIREKTORO :
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

ANTAŬ LA JARFINO

## Ĉiu faru sian Devon!

Sur tiu ĉi numero jam aperas la nomo de la lasta monato de la jaro.

Decembro... Denove forflugis la tagoj, la semajnoj, la monatoj.

Denove ni staras meze de la laborepoko. En diversaj urboj, oni ekkomencis la propagandon. En iuj tiu propagando iome aŭ almenaŭ iomete efikis.

Sed ĝenerale, ni tamen devas konfesi, ke, en nia lando, oni ne sufiĉe parolas, nek aŭdas pri nia lingvo.

La krizo, kiu iam tiel akre premis nin, kiel niajn samideanojn en aliaj landoj, iom post iom mildiĝis. Se ĝi ne jam tute malaperis, ĝi tamen iĝis sufiĉe elportebla, por ke ĝi ne plu estu la kaŭzo de plia stagnado de nia afero.

La tempo venis, por ke ree, kiel antaŭe, la grupoj, kaj la individuaj esperantistoj iru antaŭen.

Ĝis nun, ĉiu jaro vidis la malrapidan, kaj nur negravan, sed malfeliĉe regulan malkreskon de niaj fortoj.

Nun venis la momento, ke ni firme kaj volplene, prenu la decidon haltigi la sangelfluon.

Sangoperdo, eĉ se estas nur guto post guto, certe mortigas la plej fortan konstitucion.

" Reĝa Belga Ligo Esperantista ", same kiel la diversaj grupoj, ne plu povas permesi al si, la lukson de plia sangoperdo.

Je tiu ĉi momento, kiam ni devas repensi pri la enspezo de la kotizoj, ĉiu devas fari sian devon.

Eĉ, se iuj inter ni havas pezan porsocietan budĝeton ; eĉ se inter ni estus iuj, kiuj intencus malaltigi siajn elspezojn kotizajn, forviŝante kelkajn societojn, al kiuj ili, nur pro kutimo, daŭrigis pagi, estas certe ne la Esperantaj societoj, kiuj devas esti la unuaj oferitaj.

En tiu ĉi momento, kiam en diversaj landoj al mallarĝanimaj naciemaj ideoj, malpermesigas aŭ malfavorigas Esperanton aŭ eĉ la ideon nur al internacia lingvo, tiuj kiuj havas ankoraŭ en sia koro la emon al tiu idealo de interkompreno, kiu estas la nia, havas kiel devon, starigi barilon, kontraŭ tiu indiferentemo aŭ malamo al nia afero.

Kaj ni ne volas pensi nur pri ni mem. Nia movado en unua loko estas internacia afero. Ne nur Belga Ligo devas vivi, sed ankaŭ la Internacia Esperanto-Ligo.

Ĉiuj gvidantoj de nia movado, preskaŭ senescepte, per akcepto de delegiteco, montris, en la lastaj semajnoj, sian fidelecon al nia movado ; ke ankaŭ la soldatoj montru ĝin, je tiu ĉi momento de kotizrepago.

Ke la individuaj Esperantistoj, kiuj estas jam tiel multnombraj en la lando, pagu siajn kotizojn al la internacia kaj al la nacia movadoj, sen plia atendo, sen devigo al pliaj poŝtelspezoj.

Ke tiu ĉi memorigo sufiĉu al ili.

Kaj ke aliflanke, la membroj de grupoj, kaptu la unuan okazon de kunvenĉeesto, por pagi al la kasistoj la ŝuldatajn pagotajn sumojn.

Ne pretekstu, ke oni ne demandis al vi, ke oni ne enspezigis, ke... por ne tuj pagi.

Estu inter la unuaj, por ebligi al la gvidantoj ekkomenci la grandan ofensivon, kiun, — kiel I. E. L. tra la mondo — nia R. B. L. E., en nia lando, devos iniciati en la baldaŭ venontaj tagoj.

Al tiuj, kiuj pagos, mi jam diras koran dankon. Sed al tiuj, kiuj senprokraste pagos, ni ŝuldas tamen duoblan dankon, ĉar la rapideco en la helpo ĉiam estas garantio de sukceso.

Esperu ni, ke al ĉiuj, kiuj legos tiun ĉi artikolon, ni ŝuldos tiun duoblan dankon.

Estos por ni la plej agrabla ŝuldopago, diri al ili, en proksima numero, ke dank'al ilia helpo, dank'al ilia akurateco en la helpo, niaj internacia kaj nacia movadoj denove bonfartas por unu plia jaro... la jaro de la ora jubileo de nia Lingvo.

Maur. JAUMOTTE

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## U. E. A. — I. E. L.

Nia artikolo " U. E. A. mortis! Vivu I. E. L.! " estis legata ĉie, ankaŭ, ni tion spertis, ekster Belgujo, kun iom da intereso.

El ĉiuj leteroj kaj kartoj ricevitaj, klare montriĝas, ke nia sintenado estas la nure logika kaj bona.

Ĉiuj ni bedaŭras, ke U. E. A. mortis, — ĉar por ni ĝi ja jam mortis — sed ni volas, ke, sub ĝia nomo aŭ sub alia, la internacia movado vivu.

Por ni, ankaŭ tio estas jam fakto ! De la pasinta monato, jam centoj da pliaj delegitoj sendis al Londono sian aliĝon kaj sian akcepton daŭrigi la laboron, en la rangoj de I. E. L.

Estas pro tiu kaŭzo, ke ni rituzas enpresi en nian organon, kiun ajn inter la multaj cirkuleroj, kiujn ni ricevis el eksterlando kun peto pri aperigo kaj en kiuj ofte simpatiaj samideanoj klopodas fari plian alvokon al interkonsento pri la internacia demando aŭ klarigi sian propran opinion.

Inter tiuj cirkuleroj, estas eĉ unu de F-ino Lidja Zamenhof, pri kies doloro ni ne dubas, kiam ŝi vidas, ke la tuta laboro de ŝia patro endanĝeriĝis denove.

Sed al ŝi, kiel al nia belga samideanaro, ni ripetas tion, kion ni skribis, je la fino de nia artikolo :

" Nur per la kunlaboro de ĉiuj, ni atingos, ke la ŝanĝo ne iĝu skismo ".

La ŝanĝo estis altrudita al ni. Al ni do restas nur la ebleco, kunigi ĉiujn fortojn por la vivigado de la nova societo, se tiel ni vere devas nomi organismon, en kiu ni renkontas nur malnovajn vizaĝojn, ĉiujn je la sama loko, kie ni vidis ilin antaŭe.

En B. E., niaj legantoj estonte nur ankoraŭ trovos novajojn pri U. E. A., se tiuj novajoj interesas la plian kreskadon de nia afero, se do ili estas paŝo al plifortigo de nia movado.

Sed por enpreso de kiu ajn alia, la presado, eĉ en nia lando, estas tamen ankoraŭ tro multekosta.

M. J.

### Post-Scriptum

Ni dankas S-ron Blaise, pro la afabla karto per kiu li informis nin, ke li tute konsentas kun la ideoj pri U. E. A. - I. E. L., tiel kiel ni ilin klarigis en antaŭa ĉefartikolo.

Ni dankas lin ankaŭ, ĉar li ree promesas al ni, veni el Londono al Antverpeno por nia 26a Kongreso.

### VOJAĜO SCHERER

**Lastmomente aranĝiĝis la vojaĝo SCHERER tra Belgujo. Nia konata samideano vizitos la grupojn de Antverpeno, Bruselo kaj Bruĝo, respektive la 5-an, la 7-an kaj la 8-an de Decembro. La grupoj informos sian membraron pri la horo loko kaj temo.**

## XXVI=a Belga Esperanto=Kongreso

**Antverpeno, 15-16-17 Majo 1937**

Ĉi malsupre ni citas la nomojn de ses pliaj kongresanoj, kiuj pagis sian kotizon.

Ni alvenis je la nombre 117.

Se ni konsideras, ke ĉiuj ni esperas esti 300 en Antverpeno, ĉiuj konsentos, ke multaj ne jam faris sian devon.

Estas efektive nepra devo, se oni deziras bonan organizon, ke ĉiuj estu pagintaj sian kotizon, antaŭ la komenco de la jaro proksima.

Pentekosto estas ja tre frua en 1937 kaj la Loka Kongresa Komitato nun jam devos urĝi, por pretigi ĉion.

La numero de Januaro devas enhavi longan liston de aliĝintoj.

Ke, precipe en la diversaj grupoj, oni do faru varman alvokon.

### Listo de Kongresanoj.

| | | | |
|---|---|---|---|
| 112 | S—ro | Schmitz, Charles | La Louvière |
| 113 | S—ro | Lemaire | Berck(Plage) (Fr.) |
| 114 | S—ro | Vermuyten, Hector | Antverpeno |
| 115 | S—ino | Vermuyten, Blanche | Antverpeno |
| 116 | S—ro | Boone, Emile | Mouscron |
| 117 | S—ino | Boone | Mouscron |

### TRA LA MONDO

Pasintan monaton, ni denove enpresis novaĵetojn el la tuta mondo, ne nur en Esperanto, sed ankaŭ en flandra kaj franca lingvoj.

Nia intenco estis, ebligi la represon nemultekostan de apartaj folioj, kiujn ni nomis " Speciala Numero " kaj kiujn grupoj kaj individuoj povas mendi.

Je nia vera bedaŭro, ni ne ricevis sufiĉajn mendojn por permesi al ni, fari tiun apartan eldonon.

Ni tion bedaŭras, ĉar ni kredas, ke en Belgujo, ni vere bezonas tiajn malgrandajn dokumentojn, kiujn ni povas ŝovi en la manojn de amiko, kiu konfesas, ke Esperanto vere estas interesa ; aŭ sendi al alia, kiu jam iam promesis lerni nian lingvon ; aŭ havigi iele al kiu ajn, pri kiu ni kredas, ke ni povos lin interesigi al nia movado.

Ni deziras, ke la grupoj kaj la membroj informu nin, ĉu ili vere deziras, ke ni daŭrigu.

Ni precipe deziras, ke tiuj, kiuj povas, informu nin pri sia preteco aĉeti *de ĉiu aperonta folio*, iun difinitan kvanton.

Por simpla membro, tiu kvanto povas esti nur 25 ekzempleroj ; por grupo, ni diru, 100.

Tuj, kiam ni havos la certecon, pri minimumo de 1000 ekzempleroj, ni rekomencos.

# LITERATURO

### Antaŭ la Zamenhoftago

## Ĉu nia Majstro estis Poeto?

En ĉiuj esperantistaj periodajoj, revuoj kaj gazetoj, aperis studoj pri D-ro L. L. Zamenhof, laŭ ĉiuj vidpunktoj. Oni pristudis en li la bonfaranton, la scienculon, la lingviston, la geniulon, sed nur tre malofte la poeton (*).

Kaj tamen indas konsideri kaj respondi la demandon « Ĉu Zamenhof estis poeto? », por pli bone, pli klare kaj pli profunde vidi en la koron kaj animon de tiu, kiun ni ankoraŭ ĉiam nomas plenadmire « La Majstro ».

Ĉar, kio estas poeto?

Poeto estas persono kiu havas certan guston pri belo. Fakte ni do ĉiuj estas pli — malpli poetoj Ĝuste pro tio ni nur ankoraŭ nomas poeton tiu, kiu ne nur sentas, sed mem kreas belon, kiu igas la aliajn ĝin senti.

Do ne nur en la lingvo sed ankaŭ en la arhitekturo ekzemple, aŭ en la muziko oni povas esti « poeto ».

Iom post iome sanĝiĝis la signifo atribuita al la vorto, kaj nuntempe oni ĝin nur ankoraŭ uzas por la personoj kiuj ekzercas sian « poetecon », sur la lingva kampo; laŭ popola vidpunkto por « tiu kiu faras poemojn ».

Sed ekzistas ja poemoj de diversaj specoj; ekzistas precipe du grandaj kategorioj: la impulsaj kaj la okazaj poemoj.

Impulsaj estas tiuj kiujn la poeto faras instigate de interna fajro, de poeta inspiro; ili estas la plej artplenaj, la plej valoraj.

Okazaj estas tiuj, kiujn la poeto faras, pro komplezemo, pri iu aŭ alia okazaĵo.

Nu, Zamenhof faris poemojn; li eĉ faris poemojn de diversaj specoj: impulsaj kaj okazaj.

Li, plej homa homo imagebla havis momentojn en sia vivo, de malkuraĝo, de timema senesperiĝo; li plej sincere plej fidele kaj des pli artplene tradukis tiujn sentojn en la konataj poeziajoj: « Ho! mia Kor'! » kaj « Mia Penso! ». Li ankaŭ konis momentojn de granda interna ĝojo kaj samtempe de sereno, kuraĝigo kaj espero; ni ilin retrovas en « La Espero », « Al la Fratoj », « La Preĝo sub la Verda Standardo ».

Modelaj restos ĉiam tiuj unuaj poeziaj linioj en nia lingvo:

*Fajron sentas mi interne,*
*Vivi ankaŭ mi deziras — —*
*Io pelas min eterne,*
*Se mi al gajuloj iras...*
*Se ne plaĉas al la sorto*
*Mia peno kaj laboro, —*
*Venu tuj al mi la morto,*
*En espero — sen doloro!*

Kiel emociigaj estas la versoj el « Mia Kor' »:

*Ho mia kor', ne batu maltrankvile,*
*El mia brusto nun ne saltu for!*
*—*
*Sufiĉe! Trankviliĝu de l'balado,*
*Ho mia kor'!*

Sed alifianke Zamenhof ankaŭ faris okazajn poemojn (nur du) «Al la Esperantisto» kaj «Saluto al Verda Radio» per kiuj li denove montris sian helpemon, sian komplezon.

Kaj strange, Zamenhof, la doktoro, la scienculo, faris siajn malmultajn versojn senerare laŭ ritmo kaj rimo; ili estis plensukcesaj laŭ harmonieco kaj beleco.

*
* *

Per ĉio tio, Zamenhof pruvis ke li havas grandan senton pri belo; senton kiu akompaniĝas preskaŭ senescepte de sento pri bono.

Li estis homo kun granda cerbo, sed kun ne malpli granda koro.

En sia malmulta poezia verkado li montris al ni sian tutan animon kaj klare malkaŝis ke li nur havis unu grandan celon dum tuta vivo sia: la belo kaj la bono.

Dank'al la fakto ke Zamenhof estis poeto, li donis al ni la unuajn brikojn, por ke konstruiĝu la granda literatura monumento, pri kiu ni tiel fieras.

Dank' ankaŭ al la fakto ke Zamenhof estis poeto li donis al ni Esperanton, laŭ li, plej valoran ilon, por disvastigi lian celon: la belon en kaj la bonon por la homaro.

Zamenhof estis granda homo; li estis vera poeto.

Henri SIELENS.

(*) D-ro Edmond Privat kaj S-ro Behrendt † pritraktis bonege tiun flankon de D-ro L. L. Zamenhof.

## La Horoj en la Mondo.

La horo ne estas sama en ĉiuj lokoj de la tero. Ekzemple, kiam estas tagmezo en Ukkel, estas la sesa matene en Chicago, kaj noktomezo en orienta Siberio; de San Francisco al New-York, la diferenco inter la lokaj horoj estas proksimume 3 horoj kaj duono. Tiaj diferencoj servis al Jules Verne en lia « Ĉirkaŭiro ĉirkaŭ la mondo en la daŭro de okdek tagoj. »

Nur la lokoj kiuj estas sur la sama MERIDIANO havas la saman horon: Ekzemple, Amsterdam, Namur, Lyon, Biskra.

La vera suna tagmezo estas la momento je kiu la meridiana ebeno de la konsiderata loko estas ĉe la centro de la suno ; ĝi estas montrata de la sunhorloĝoj.

Ĉar la jara movado de la tero ĉirkaŭ la suno fariĝas laŭ kurbo kiu iom diferenciĝas je CIRKLO, la tempo kiu forflugas inter du alvenoj de iu meridiana ebeno ĉe la suna centro, ne estas senŝanĝa ; pro tio, por faciligi la ordigo de la civila vivo, la astrosciencistoj kalkulis la mezovaloron de la tempoj inter du sinsekvaj veraj sunaj tagmezoj. (La komparo inter la daŭroj de la diversaj sunaj tagoj estas farata pere de la astra tago kaj de ĝiaj dividaĵoj). Tiu mezovaloro estas la civila tago ; la mezo de tiu tago, kiu estas montrata de la ordinaraj horloĝoj, estas, laŭ la epokoj de la jaro, iom pli frua aŭ iom pli malfrua ol la vera suna tagmezo ; la diferenco povas atingi kvaronon da horo. Ĉiuj civilizitaj popoloj uzas la mezan sunan horon.

La diferenco inter la loka horo de la plej okcidenta vilaĝo de Belgujo kaj de la plej orienta, estas pli ol dektri minutoj ; por Francujo, tiu diferenco estas preskaŭ kvindek minutoj.

La uzo de lokaj horoj okazigas malfacilaĵojn por la fervojoj, la telegrafado, ktp. ; pro tio, de longtempe oni estis uzanta la saman horon por ĉiuj lokoj de unu lando : en tuta Belgujo oni uzis la horon de Ukkel, en Britujo la horon de Greenwich, en Francujo tiun de Paris, ktp. Sed ekzistis tamen malfacilaĵoj por la interlandaj rilatoj, ĉar la diferenco inter du landaj horoj estas plejofte malsimpla nombro da minutoj kaj sekundoj : ekzemple, inter Ukkel kaj Paris, 8 minutoj kaj ses sekundoj : inter Ukkel kaj Greenwich 17 minutoj, 27 sekundoj kaj duono : inter Greenwich kaj Paris 9 minutoj, 21 sekundoj kaj duono ; inter Ukkel kaj Berlin, 36 minutoj kaj 8 sekundoj.

En la jaro 1892, internacia komisiitaro proponis dividi la tergloban surajon laŭ partoj limigitaj proksimume per du meridianoj kies lokaj horoj diferenciĝas je sesdek minutoj ; en tuta unu tia parto la oficiala horo estus sama ; tiu de unu loko kuŝanta proksimume je egalaj interspacoj de la du limoj. La unua parto uzus la horon de Greenwich nomita horo de okcidenta Eŭropo ; ĝi enhavas Britujon, Nederlandon, Belgujon, Francujon, Hispanujon ktp. ; oni, kompreneble, kiel eble plej metis tutan ŝtaton en la saman horan regionon : La dua parto havas horon kiu estas pli malfrua, je sesdek minutoj, ol tiu de Greenwich ; oni nomas ĝin la horo de Centra Eŭropo ; en Orienta Eŭropo, la horo estas je du horoj pli malfrua ol tiu de Greenwich ktp.

Ŝtatoj, inter kiuj Belgujo, Britujo, Germanujo, ktp. akceptis tuj la proponon, kaj ekuzis la novan sistemon : ni havas do horon kiu estas, je deksep minutoj kaj duono, pli malfrua ol nia antaŭa.

En Nederlando, kie la antaŭa horo estis preskaŭ la sama kiel tiu de Belgujo, oni juĝis ke tia malfruigo ne estus bona ; sed, por tamen faciligi la internaciajn kalkulojn pri horo, oni decidis uzi horon kiu estas ekzakte je dudek minutoj pli frua ol tiu de Greenwich.

En Francujo, propono de leĝo por akcepti la horon de Greenwich kiel oficialan estis malakceptata je granda plimulto de la deputitoj ; novaj klopodoj, faritaj post sufiĉa intertempo, ne havis sukceson.

La kialo de tiuj malsukcesoj estas malnova malkonsento kiu ekzistas de la Napoleon'a epoko : la angloj, grandaj marveturistoj, kaj ankaŭ multaj alilandaj maristoj, uzas marajn kartojn kiuj havas la meridianon de Greenwich kiel originon de la LONGITUDOJ ; sed la kartoj eldonitaj en Francujo havas la meridianon de Paris kiel originon de la longitudoj ; preni la horon de Greenwich kiel oficialan, ŝajnis esti kapitulaco. Fine, Flandro el Francujo, abato Lemire, deputito de Hazebroeck, trovis la solvon : li akceptigis la horon de Okcidenta Eŭropo, per leĝo diranta jenon : « La oficiala horo en Francujo estas TIU DE LA MERIDIANO DE PARIS, prokrastita je naŭ minutoj, dudekunu sekundoj kaj duono.

*

Venis la postmilita epoko ; por ŝpari karbon, oni decidis, en kelkaj landoj de Okcidenta Eŭropo, uzi la horon de Centra Eŭropo dum ses monatoj, t. e. de Aprilo kaj Oktobro ; tiel la hela parto de la tago fariĝas pli mallonga matene, sed pli longa vespere, kaj oni ŝparas pri la artefarita lumo. Por la turismo tiu sistemo estas ankaŭ agrabla.

Estas personoj kiuj propagandas por ke, en nia lando, oni uzu dum la tuta jaro la centreŭropan horon, opiniante ke la ŝanĝo en Oktobro kaj Aprilo okazigas malfacilaĵojn, kaj ke oni povus ankaŭ fari grandan ŝparon de artefarita lumo dum la vintra sezono.

La malfacilaĵoj pro la ŝanĝo de horo en Aprilo kaj Oktobro, ŝajnas tute ne gravaj ; la farota ŝparo de artefarita lumo estas, laŭ ni, pli teoria ol estigebla : oni alkutimiĝus ja, iom post iom, pro la mallumo kaj la malvarmo, komenci pli malfrue la laboran tagon, kaj, sekve, pli malfrue ĝin fini ; antaŭ la milito, kiam la ekonomia stato de Belgujo kaj tiu de najbaraj landoj estis pli samaj ol nun, ni rimarkis, vojaĝante en Rejnlando, ke, en la urboj, la agado estis vekiĝanta pli malfrue ol ĉe ni.

Por la miloj da laboristoj kaj la miloj da junaj lernantoj (ope certe pli ol du milionoj en Belgujo) kiuj devas ĉiumatene elhejmiĝi, tute ne estas indiferente ke, vintre, la eliro okazu ĉu pli frue, ĉu pli malfrue rilate al la leviĝo de la suno. Ilia sano estas ŝparinda almenaŭ tiom kiom la artefarita lumo.

C. Vandevelde.

# BELGA KRONIKO

## Zamenhof-tago : Libro-tago

La 15-an de Decembro la Esperantistaro de la tuta mondo festos la Zamenhof-tagon.

Jam de diversaj jaroj, oni ĉie tiuokaze organizas libro-tagon, dum kiu ĉiu Esperantisto estas invitata aĉeti almenaŭ unu libron.

Se vi ne trovas okazon por aĉeti libron dum grupa kunveno, mendu ĝin ĉe :

Belga Esperanto-Instituto, K. S. 21, Willemsstrato, Antverpeno.

### Grupa Kalendaro.

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20-a 1/2 : (*ATENTU LA HORŜANĜON*).

Sabaton la 5-an de Decembro : Parolado de S-ro Scherer, pri « Japanujo kaj ĝia interna Vivo ».

Sabaton, la 12-an : Zamenhof-festo.

Sabaton, la 19-an : Parolado de S-ro Ch. Vander Veken pri ; « La polvo el kiu ni estas faritaj ».

Sabaton, la 26-an : Kristnaskfesto. Ĉiu kunportu surprizon.

Dimanĉon, la 27-an : Kristnaskfesto por la infanoj, je la 15-a horo.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59; KUNVENEJO : Katejo «Vlissinghe » Bleekersstraat, 2, rue des Blanchisseurs.

Kunvenoj dum Decembro 1936 :

Sidejo, la 1-an : a) Legado kaj klarigado de B. E. (Prez. S-ro Ch. Poupeye). b) Humorajoj (Prez. S-ro E. Guillaume).

La 8-an : SCHERER-VESPERO.

Sidejo, la 15-an : **Zamenhofa Festo** (Prez. F-ino Y. Thooris).

Kunvenejo, la 22-an : a) « Priparolado de F-ino S. Vanden Berghe, « La Muzeo pri malnova Pentrarto » ; b) Debato pri « Vegetarismo » (Prez. S-ro G. Groothaert).

Kunvenejo, la 29-an : Gaja Jarfina Vespero, (Prez. F-ino M. Vanden Berghe).

**Kurso** por komencantoj : Lastaj lecionoj : vendrede 4-an kaj 11-an, je la 20-a en la Sidejo.

N. B. La grupa BIBLIOTEKO estas malfermita ĉiumarde, — kaj ankaŭ ĉiuvendrede, dum la daŭro de la kurso — de la 19-a 1/2 ĝis la 20-a, en la grupa sidejo. Bibliotekistoj S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantajoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, k. t. p.

HELPA VENDEJO de esperantajoj estas malfermata ĉe F-ino M. Huyghe, Potterierei, 1, quai de la Poterie (Helpa Poŝtoficejo).

BRUSELO. — **«Esperantista Brusela Grupo».** — Kunvenejo : «Brasserie du Sac», Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30-a h.

La 7-an de Decembro : SCHERER-VESPERO.

La 14-an : je la 19a 1/2, en Hotelo Albert I, Placo Rogier, festeno je la honoro de F-ino Jennen, prezidantino, okaze de ŝia argenta jubileo en la movado. Ĉiuj samideanoj estas invitataj aliĝi ĝis la 7-a, pagante **Fr. 25.**—, al P. Ĉ. K. 12.30.48 de « Brusela Grupo ».

La 21-an : Eksterordinara ĝenerala kunveno. Tagordo : ŝanĝo de kotizo.

La 28-an : Oni organizos diversajn ludojn.

GENTO. — **Genta Grupo « Esperantista ».** — Kunvenejo en la lernejo Nova Strato Sankta Petro Nº 45 : ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

La monata grupkunveno okazos la 10-an de Decembro (2-an ĵaŭdon), ĉe S-ino De Rijcke, 223 Kortrijkschestraat, je la sepa kaj duono akurate. Tiu kunveno estante la plej proksima al la 15-a de Decembro, ĝia unua parto estos dediĉata por memorsolenaĵo je la honoro de Zamenhof ; oni deklamos poeziaĵojn de la Majstro, kaj partojn el liaj ĉefverkoj. La grupanoj estas petataj veni multaj por honorigi « Doktoron Esperanto ».

Poste S-ino De Rycke parolados pri vojaĝo tra Orient-eŭropaj landaj.

La merkredaj perfektigaj kunsidoj : okazos kiel kutime, je la sepa, St Pieters Nieuwstraat nº 45, krom la 30-an de Decembro (libertempo).

La grupo malfermas daŭrantan konkurson (kun premioj) pri bonhumoraĵoj ; ĝi estas rimedo por konservi lertecon en la uzo de la lingvo, precipe por la grupanoj kiuj ne povas ĉeesti vesperajn kunsidojn. Oni sendu nacilingvajn tekstojn kun esperanta traduko, al la prezidanto de la grupo, montrante la fonton (kun dato), el kiu oni ĉerpis la bonhumoraĵojn.

### Grupaj Raportoj :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Post la parolata ĵurnalo de la 7-a, kiu bone sukcesis, S-ro Faes, la 14-an faris interesajn rakontajn pri la milito kaj la Armistica momento. S-ro Boffejon kore dankis lin.

Sabaton, la 21-an la teatra vespero estis anstataŭata de lerta parolado de S-ro Vermuyten, kiu pritraktis la temon « La Odiseo kaj la greka virino ». Kiel ĉiam granda sukceso, aplaŭdo kaj varmaj dankvortoj.

BRUĜO. — **« Bruĝa Grupo Esperantista », Reĝa Societo.** — La 20-an de Okt. en la Kunvenejo, okazis konkursa vespero sub gvidado de S-ro Groothaert kaj de F-ino M. Vanden Berghe. Tridek gemembroj partoprenis kaj premioj estis gajnataj de S-ino Groothaert, S-ro Van Roye, S-ro Roose, S-ro Deleloo, F-ino C. Willems kaj F-ino C. Leibrand.

La 27-an, en la Kunvenejo, kvardek-kvin ĉeestantoj elektis la simpatian samgrupanon S-ron Douchamps, kiel prezidanto de la Surpriza Vespero. La nekonataj premioj, kunportitaj de ĉiuj, estis disdonataj per lotumado kaj ĉiu malfermo okazigis novan rideksplodon.

La 1-an de Nov. multnombra delegacio, inter kiu oni rimarkis kelkajn novajn membrojn, partoprenis kun la grupa flago en la funebra sekvantaro ĝis la milita tombejo.

La 3-an de Nov., en la Sidejo, la laŭprograma legado de B. E. ne povis okazi. Laŭ propono de S-ro R. Groverman, amuza debato pri « Longaj kaj mallongaj virinvestaĵoj » estis organizata. Sinsekve S-ro Groverman, F-ino A. Boereboom, S-roj De Vooght, Tanghe, Roose kaj Poupeye prenis la parolvicon. Por fini la vesperon oni diskutis la programon de venontaj festoj.

La kunveno de la 10-a de Nov. okazis escepte en salonego de « Café Belge » ĉe S-ano Hasenbroekx. Speciala komisio por organizo de balo la 22-an de Febr. estis starigata. Roldisdonado de teatraĵo « Geedziĝopeto » estis farata kaj legado de B. E., prokrastita de la antaŭa kunveno, ankaŭ okazis.

La 17-an de Nov. okazis kantvespero en la Sidejo, sub gvidado de F-ino A. Boereboom kun piano-akompanado de S-ino Van Roye. Samtempe la balorganiza komisio havis sian unuan kunvenon en aparta salono.

La elementa kurso sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye daŭriĝas kun bona sukceso.

BRUSELO. — « **Esperantista Brusela Grupo** ». — La provleciono organizita de « Esperantista Reprezentantaro Brusela » en Palais des Beaux-Arts bone sukcesis : ĉeestis proksimume 300 personoj.

Dum la temanĝo, kiu okazis en apuda salono antaŭ la provleciono, oni rimarkis la ĉeeston de Sinjorino Morris, Usona Ambasadoredzino.

D^ro Kempeneers prezentis en « Brusela Grupo » sukcesplenan filmon, pri la Internaciaj Kongresoj.

GENTO. — « **Genta Grupo Esperantista** ». — Je la kutima dato, tio estas la duan ĵaŭdon de la monato, okazis la monata grupa kunveno : S-ino De Rijcke akceptis en sia hejmo, kun sia kutima afabla gastemo, la grupanojn.

Ĉar oni estis unue uzinta gravetan tempon por interparoli pri estontaj kunvenoj, S-ro Vandevelde nur parte faris la anoncitan paroladeton, donante kelkajn rapidajn klarigojn pri la mezurado de tempo, kaj pri ĝiaj diversaj unuoj. Per kelkaj bildoj kaj iletoj, li atentigis pri la kialoj de la diferencoj inter tiuj unuoj, kaj montris modelojn de sunhorloĝoj.

S-ro Edm. Lödör, per klara raporto, enkondukis diskutadon pri : « por aŭ kontraŭ alkoholo », montrante la malbonaĵojn de la kutima uzado de alkoholo, kiu tro ofte regas la homan vivon. Li tamen citis kelkajn momentajn avantaĝojn de la uzo de alkoholo, precipe ke « je vino vereco » kaj ke sub la influo de alkoholo, homo pli facile maltimas danĝeron.

En la diskutado oni ĝenerale konsentis pri la tezo de la raportinto : eĉ montriĝis opinio ke eble iom da alkoholo povus flue paroligi esperantanojn kiuj kutime iom hezitas. Jen nova rimedo por nia propagando.

Fine, post trinkado de bona taso da teo, S-rino De Rijcke amuzigis la ĉeestantojn per amikaraj ludoj, tiel ke oni konstatis ke la tempo tro rapide forfluis.

Dum la merkredaj perfektigaj kunvenoj, diversaj grupanoj legis bonhumoraĵojn el « La Pirato » ; oni aŭdis interesan paroladeton de S-ro De Rese pri la utileco de aerumo de la homa haŭto ; tio okazigis dum du kunsidoj interparoladojn pri la vestaj kutimoj ĉe diversaj popoloj.

LA LOUVIÈRE. — « **Verda Stelo** ». — La 6-an de Novembro okazis komitata kunveno en « Brasserie Centrale » Drapeau Blanc. Post la kurso, la membroj de l'komitato kunsidis sub la prezidanteco de S-ro Tassin, kiu malfermis la kunsidon, dirante sian ĝojon vidi la daŭran sukceson de la kursoj, kiuj kune enkalkulas ankoraŭ tridek lernantojn.

La unua punkto de la tagordo estis la regularo de Biblioteko. Oni decidis aĉeti ŝrankon por enmeti la librojn jam posedataj de la grupo. S-ro Tassin profitas je la okazo por danki kaj esprimi la ĝeneralan dankemecon al F-ino Y. Thooris, kiu sendis' kelkajn librojn tre interesajn. Oni metis je la dispono de S-ro Jacques, vic-prezidanto la sumon je 200 frankoj por aĉeti librojn.

La 2-a punkto, estis projekto de propagandiloj.

Por disdoni al ĉiuj personoj kiuj sin interesas al esperanto oni decidis presigi faldfoliojn entenantaj la diversajn necesajn informojn pri la grupo, kursoj; ankaŭ pri Belga ligo, kaj I. E. L.

La kunsido finiĝis en kora atmosfero kaj la kontenteco de ĉiuj komitataj membroj pruvis la plenan sukceson de nia juna rondo.

**GRATULOJ.**

— Al S-ro Lodema, membro de « La Verda Stelo » (Antverpeno) pro la distingo, kiun li akiris okaze de lia 40-jara dejorjubileo ĉe la Nederlanda pilot-administracio. Ŝia Reĝina Moŝto Wilhelmino transdonigis al li, la arĝentan medalon de la Ordeno de « Oranje-Nassau ».

Niaj plej koraj gratuloj iras al li.

## INTERNACIA ESPERANTO-LIGO

### KOTIZOJ 1937

MJ Fr. 22.00 MA Fr. 50.00

MAH Fr. 130.00 MS Fr. 200.00

Patrono Fr. 750.00

MEMBRO KUN JARLIBRO (MJ) ricevas membrokarton, servokuponaron, kaj la Jarlibron.

MEMBRO-ABONANTO (MA) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la monatan oficialan gazeton dum la jaro.

MEMBRO-ABONANTO-HEROLDO (MAH) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la semajnan gazeton « Heroldo de Esperanto » dum la jaro.

MEMBRO-SUBTENANTO (MS) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la monatan oficialan gazeton ; krom tio li rajtas ricevi premion.

**Noto :** la oficialaj gazetoj estas *Esperanto Internacia* monate, kaj *Heroldo de Esperanto* semajne.

Pagu vian kotizon al :

Via grupo aŭ al R. B. L. E. kune kun la kotizo, kiu por la Ligo estas Fr. 30.—

Leterojn direktu al la Teritoria Sekretario S-ro Van den Bossche, Willemsstrato, 21, Antverpeno.

## La Gazetaro parolas...

**Redaktas : H. A. R. S.**

— The World Fellowship of Ultimate Religion, 14 E. 28-th St., New York City, tutmonda organizaĵo, reprezentanta Scienco-Religion, uzas Esp-on por internaciaj interrilatoj kaj havas specialan Esp. fakon.

— En la Esp. Domo en Arnhem ĉi-somere okazis interalie speciala kurso pri Esp. literaturo, gvidata de rumana advokato Sigismundo Pragano.

— En Brno Alta Popollernejo de Komensky envicigis Esp-on en sian aŭtunan programon.

— Al la listo de la francaj komunumaj konsilantaroj kiuj voĉdonis favore al Esperanto, aldoniĝis Nantes.

— En Besançon (Francujo) fondiĝis nova Esperanto-grupo kies prezidanto estas universitata rektoro.

— **Danlando.** — Nun estas jam 9 danaj gazetoj, kiuj ĉiusemajne en la radioprogramo aperigas la plenan E-programon.

— La feriokursojn en Helsingör partoprenis 20 geinstruistoj en la elementa kurso kaj 90 personoj de 10 nacioj en la du daŭrigaj kursoj.

— **Norvegujo.** — Oficiala Blindullernejo de Oslo festis dum aŭgusto la 75-an datrevenon de sia fondiĝo. E estas laŭvola fako en la lernejo. — « Fjernsyn & Radio », grava radiojurnalo en Oslo ekde aŭgusto publikigas ĉiusemajne la E-radioprogramojn. La samon faras jam de kelkaj jaroj « Radiobladet » kaj « Hallo-Hallo », ambaŭ en Oslo. — Internacia E-kunveno okazis en Kongsberg dum aŭgusto, aranĝita de F-ino E. Fleischer. — Gazetara Komitato de Norvega E-ista Ligo dum la unua duonjaro 1936 registris entute 771 artikolojn kaj notojn pri E, aperintajn en 130 diversaj taggazetoj kaj jurnaloj.

(*Verda Revuo*).

## Kalendarojn kaj Agendojn mendu ĉe BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

| N° | Speco | dimensioj | 1 tago sur ĉiu paĝo | 2 tagoj sur ĉiu paĝo |
|---|---|---|---|---|
| 204 | Sen kolonoj | 32 × 13 cm. | 14.— | |
| 208 | » » | » » | | 10.— |
| 205 | Taglibro (Ĵurnalo) | » » | 14.75 | |
| 209 | » | » » | | 10.25 |
| 220 | Kaslibro | » » | 17.75 | |
| 221 | » | » » | | 11.75 |
| 225 | » (sen tagnomoj) | 21,5 × 14 cm. | 16.50 | |
| 239 | » » » | » » | | 11.50 |

Ĉiuj kalendaroj kaj agendoj ekzistas kun flandra kaj kun franca teksto.
Por libro kun flandra teksto aldonu al la n° la literon F.

## Bibliografio

— PETROLO ! *Romano de Upton Sinclair Tradukis el la angla lingvo : William Bailey. Eldonis The Esperanto Publishing C°. — Vol. I : 320 paĝoj : 12 × 19 cm. Vol. II : 320 paĝoj : 12×19 cm. Ambaŭ volumoj, kun riĉaspekta kartonbindaĵo kaj aparta ŝirmkovrilo, kostas 3 ŝ 6 p + 6 p.*

La 11-a kaj 12-a libroj de la Populara Esperanto-Biblioteko alportas denove grandan ĝojon ĉe la esperantistaj libroamantoj. Pli kaj pli la serio eldonata de « The Esperanto Publishing C° », en Londono, metas en la ombron la aperintaĵojn de la unua, nederlanda P. E. B.

Estas dank'al jena verko ke la amerika verkisto Upton Sinclair iĝis populara. Estas ankaŭ en tiu verko, pli ol en kiu ajn alia, ke ni priaŭdas, ke ni vidas, sentas, kaj eĉ mem kunvivas la vere amerikan vivon.

En la romano verkita laŭ la kutima maniero de Upton Sinclair ni sekvas, paŝon post paŝo, Bunny, la junan filon de « Paĉjo », potenca usona petrolmagnato.

« Paĉjo » komencis iam kiel malriĉega bubo kaj neniam forgesas atentigi pri tio sian filon kiu estas ĉiam flank' al flanke de sia patro kaj eĉ partoprenas ties negocvojaĝojn.

Dank'al la eterna « kial ? », « kiel ? » kaj « pro kio ? » kaj ĝia ĉiama respondado, ni momente vivas en la mondo de la petrolmagnatoj, mondo foje sincera kaj honesta, mondo ofte fia, de diboĉo kaj korupto.

S-ro William Bailey estas gratulinda pro la laboro kiun li efektivigis : tradukado de 625-paĝa libro en bona, altkvalita, literatura lingvaĵo klara, flua, korekta.

La E. P. C. alte tenis sian reputacion kaj P. E. B. kontentigis ĉiujn siajn abonantojn, eĉ la plej postulemajn.

ILUSTRITA LERNOLIBRO DE ESPERANTO *por praktika komenca kurso. Verkis Delfi Dalmau L. K. 25×17 cm. — 30 paĝoj. — Prezo : 1 angla ŝilingo.*

Pli kaj pli ni vidas rektmetodajn lernolibrojn sed plejparte ili ne enhavas multon interesan por kursgvidantoj mem. Tiu ĉi lernolibro tamen estas nun de alia speco ; pro la multaj specialaj klarigoj kaj konsiloj ĝi iĝas modelo kaj fonto por kursestroj kaj profesoroj kiuj deziras ekuzi la senperan metodon.

Ni havas nur du malgrandajn rimarkojn farotajn : ne troviĝas paĝonombro en la libro kaj troviĝas francligva teksto sur unu el la bildoj.

Entute la verko estas tre zorge prezentita kaj meritas ĉies atenton.

TAQUIGRAFIA CATALANA *sistema Boada-adaptacio de Delfi Dalmau. Bona por as francès, anglès, italià, portuguès, espanyol i esperanto. Mètode : Didacte. Verkis Delfi Dalmau — 19,5 cm.×12,5 cm. — 96 pĝ. — Prezo nemontrita.*

La jena libreto ne estas en Esperanto sed kun esperanta teksto kaj la sistemo estas uzebla ankaŭ por Esperanto.

Kiel stenografo, mi trovas la verkon tre interesa sed ne rajtas pretendi ke tiu aŭ alia sistemo estas pli bona, ĉar ĉiu stenografisistemo estas bona, kondiĉe ke oni ĝin konu.

La verko, bele kaj zorge eldonita, certe faros nemalŝatindan propagandon por Esperanto en la katalunaj stenografiaj medioj.

DOCUMENT *del professor catala Delfi Dalmau al politic espanyol Manuel Azana, de Delfi Dalmau L. K.*

Vere tragike impresas la legado de ĉi tiu volumeto en kiu la fame konato P-ro D-ro Delfi Dalmau klarigas sian vidpunkton pri la organizo de la hispana registaro, dum la militobuĉado postulas daŭre multajn vivojn en tiu lando.

Dalmau en sia nacilingva verketo adresita al la hispana politikisto Azana ne celis militon, eĉ ne celis separatismon nek aŭtonomion sed simple centralizacion laŭ la ekzemplo de Belgujo, kie li estis plurfoje por fari specialajn studojn pri ĝiaj organizoj lingvaj kaj politikaj.

Ni admiru S-ron Dalmau kiu pace laboras por la bono de sia popolo kaj esperu ke ĉio aranĝiĝu kiel eble plej baldaŭ, sen plua sangverŝado.

FRANCHOMME kaj K°
Rue des Pierres, 80, Steenstraat
— BRUĜO —
Ĉiuspecaj Ŝtofoj kaj silkaĵoj
Blanka tolaĵo — Trikotaĵoj
— — — Meblaro — — —

Firmo « NOVELTY »
S-ino L. VAN WASSENHOVE-BOCKHOLTS
2, Philipstockstrato — BRUĜO
KORSAĴOJ — TOLAĴOJ
Liveras en tuta Belgujo kaj laŭ korespondaj mendoj

BELGA MARBORDO
Grand Hôtel d'Oostduinkerke
Bone konata de multaj Esperantistoj
P. BENOIT, Delegito de U.E.A. Posedanto

La « MINIPIANO » BRASTED

PREZENTATA

DE

G. FAES

Schoenmarkt, 16

Marché aux Souliers

ANTVERPENO

kostas

Fr. 3.250,—




# Anoncetoj

TURNU VIN AL SAMIDEANAJ FIRMOJ :

**EN BRUĜO**


**ALGRAIN-COUCKE**, 23, Vlamingstr. rue Flamande, Tel. 33424. Nuntempaj Novajoj por sinjorinoj kaj knabinoj.

**CAFÉ de la BOURSE**, Granda Placo 22. Christiaens, Tel. 31424 Rendevuejo de la Esp-istoj dum la someraj koncertoj.

**Café VLISSINGHE**, Vital Jehansart, Bleekerstr. 2, rue des Blanchisseurs. Kunvenejo de B.G.E. Artaj kaj ordin. vitraĵoj.

**RACHEL CARPENTIER**, Genthofstr. 36, rue Cour de Gand· Cigaroj, Tabako.

**CREMERIE de DIXMUDE**, F-ino M.M. Mestdagh, St Jacobstr. 8 r. St Jacques, specialajoj : Butero, Ovoj, Fromaĝoj.

**DE GUCHTENEERE, J.** « Agence Maritime Minne », Komvest, 44, Ŝipmaklero, Transporto, Eldoganigo, Asekuro, T. 33422

**FOTO BRUSSELLE**, Steenstr. 41 rue des Pierres. Tel. 33411. Fotografado industria. Foto-Kino-Aparatoj, Akcesoraĵoj, laboroj.

**HOTEL VAN EYCK**, Zilverstr. 8. Familia Hejmo, Centra sed kvieta situacio, burĝa klientaro, moderaj prezoj.

**M. HUYGHE**, Potterierei, 1. Ilustritaj poŝtkartoj, ĉiuspecaj memorajoj pri Bruĝo. Helpa Poŝtoficejo. Tel. 31561.

**LONGE**, Vlamingstr. 26 rue Flamande. Kafo, Teo, Ĉokolado, Biskvitoj. Tel. 31150.

**Emiel MESTDAGH**, Moerkerksche Stw. 113 St-Kruis, Tapetisto, Murpaperoj, Tapiŝoj, Drapirajoj, Seĝegoj.

**Ph. MICHOLT**, Koningenstr. 7, rue des Rois, apud Preĝejo Sta Walburgo. — Roboj, Manteloj.

**G. G. PLATTEEUW**, Noordzandstr. 25, r. N. du Sablon, Tel. 31523 ; Fromaĝoj, Kafoj.

**Antoine POUPEYE**, Dampoortstr. 23, St-Kruis. Tel. 31461. Ĉiuj asekuroj en la tuta lando. Informoj sen devigo.

**RAHIER**, Wapenmakerstr. 4, R. des Armuriers, Bombonoj. Migdalmielajo. Buteraj vafletoj.

**J. ROOSE**, Bdo Guido Gezelle 15. Tel. 32224. Holanda artefarita butero. Francaj vinoj. Senpera elveno.

**SABBE-DE VEEN**, Steenstr. 76, R. des Pierres. Tel. 33048. Floroj-Agento de « Fleurop » N° 669.

**VAN COMPERNOLLE**, « HET SCHAAPJE », Vischmarkt 6. Mebloj, Matracoj, Lano, Lanflokoj, Metalaj litoj.

**VOLCKAERT**, Geldmuntstr. 30, R. de la Monnaie. Tel. 33607. Porkaĵoj, Ĉasaĵoj, kortbirdaĵoj.

**WITTERYCK**, Steenbrugge, Tel. 33513. Ĉiuspecaj Esperanto-presajoj.

**L. VAN WASSENHOVE**

**2, Philipstockstrato — BRUĜO**

Librotenado—Organizado kaj enskribo de la libroj — Kontrolo — Starigo de Bilancoj — Raportoj — Serĉadoj — Ekspertizoj — Komercaj Informoj.

**RADIOLUX**, Steenstraat 94 Brugge, Tel. 317.85

KONTRAŬ LA ĈEFPREĜEJO

RADIO APARATOJ—FONOGRAFOJ—DISKOJ

LAMPOJ—ĈIO POR ELEKTRO—K. T. P.

ESPERANTO PAROLATA

**RADIOLUX**, rue des Pierres 94 Bruges. Tel. 317.85


**Estraro de « Belga Ligo Esperantista ».**

Prezidanto : Dro Paul Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle. (Tel. 44.53.00).

Vicprezidanto : S-ro Léon Cogen, 52, Dreef, Ninove.

Vicprezidantino : F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat, R. de l'Outre Bruĝo. (Tel. 320.86).

Ĝenerala Sekretario-Kasisto : S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel. 777.58).

*Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj. P. Ĉ. K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (Wilrijck-Antverpeno).*

*Por pagoj al I. E. L.* provizore *al la privata P. Ĉ. K. 4109.91 de S*ro *G. Van den Bossche, teritoria sekretario.*

*Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto : P. Ĉ. K. 1689.58, Antverpeno (Willemsstrato, 21).*


OSTENDO BELGUJO

**HOTEL VROOME**

20, BULVARDO ROGIER. TEL.37

*RENDEVUO DE LA ESPERANTISTOJ*

**HOTEL DU CORNET D'OR**

**2, PLACE SIMON STEVIN (BRUĜO)**

Sidejo de la Bruĝa Grupo Esperantista (Reĝa Societo). Tre komfortaj ĉambroj, bonaj manĝaĵoj.

*Oni parolas Esperanton.* *English spoken.* DS (106).


Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.

